# Konstru-Forumo N°36

Oktobro 2012

**1** Mi salutas ĉiujn legontojn de tiu numero de Konstru-Forumo. Kiam mi sendis al vi la antaŭan numeron, mi pensis, ke venos kelkaj reagoj. Nu, tre malmulte ! Eble pro la troa okupateco de multaj el vi. Eble pro disinteresiĝo koncerne la enhavon de la antaŭaj numeroj. Mi devas tamen memorigi al vi ke "Forumo" estas debatejo, konsekvence kaj logike, ĝi ne povas estiĝi la rezulto de unuopa laboro. Ĉu plu ekzistas nia kolektivo ? Estas permesite dubi. Kiel mi jam skribis, kritikoj estas bonvenaj, kondiĉe, ke ili estu afablaj. Ankaŭ proponoj kaj kontribuaĵoj estas bonvenaj.

Por prepari la nunjaran (2012) **JarKolekton de TAKE**, mi faris plurajn alvokojn al kunlaborado kaj verkado. La sama situacio estas konstatebla, nome manko da tempo ĉe la verkemuloj. Mi fariĝis do la redaktanto de la ĉi-jara Jar-Kolekto kiun vi ricevos post kelke da tempo. Estos la unua fojo, kiam aperos artikoloj redaktitaj nur de 2 personoj : Jan Werner permesis al mi aperigi lian kontribuaĵon pri *"Tero – teraĵo – grundo – argilo – lomo* " kiun li estis skribinta en KoFo N°33 / temo N° 55. Mi respektis lian postulon ne ŝanĝi ion ajn en lia teksto.kaj mi dankas lin. Mi skribis leteron al S-ro Shen Chengru, proponinte al li skribi pri moderna turo konstruata en Kantono, sed li nur skribis al konatulo de tiu urbo.
Pri la monumento en Astana, mi estis sendinta ret-mesaĝon al la 3 UEA delegitoj de Kazaĥio, petante ilian helpon pri teknikaj detaloj, fotoj, ktp – kaj ankaù promesante pagon de eventualaj sendokostoj. Neniu respondo alvenis. Ankaù tian peton mi faris en la franca al la konsulato de Kazaĥio en Parizo, sed ilia reta leterkesto estis plenplena !

La tre utilan kaj efikan helpon de Andreo Grossmann, kasisto de TAKE, mi devas ĉi-tie substreki : sen liaj teknikaj konsiloj kaj kunlaborado, la aperigo de JarKolekto ne eblus ! Plian fojon ideblas la utilo de strukturita asocio !

## **2** Reagoj al KoFo N°35

De :Zlatko.HINST:
*"Mi sukcese ricevis novan Ko-Fo-n traleginte ĝian enhavon. Estas interesaj kaj bone prilaboritaj temoj. Aldonaĵo "Astana" estas kvalita kaj ekzemplo kiel oni povas prezenti similajn kazojn tutmonde*"
Zlatko partoprenis la Internacian Fervojistan Kongreson en Herzberg am Hartz (Germanio) kie li ĉeestis interesajn prelegojn, precipe pri la konstruado de nova stacidomo kaj fervoja nodo en Stuttgart inkluzive ekologiajn konsekvencojn." Li aldonis :"*Dum kongreso okazis nepublika kunveno kun diskutado pri problemoj en IFEF nur kun delegitoj, t.n. komitatanoj kiel landasociaj reprezentantoj kaj post tio publika jarkunveno kiu estas malfermata, krom oficialaj decidaprobantoj, al aliaj interesuloj*
<u>Noto</u> : Aperos artikolo pri la stacidomo de Colmar ( Francio) kiel edifico ; ni atendas plu artikolon pri tiuj problemoj naskitaj de la projekciita nova stacidomo en Stuttgart (Germanio) PG

De Sandor HORVATH :
Aleksandro donis al mi kelkajn konsilojn pri la enpaĝigado de teksto prilaborita sub Word. Mi dankas lin.
Li aldonis, ke li ne estas parenco de alia Horvath, kunaŭtoro de la Bidvortaro ( vidu ĉisube)

De :Claude LONGUEEPEE
Li sciigis al mi, ke li legis KoFo-n N°35 kun inter eso.

De Fabien VAN MOOK :
*"Mi multe pardonpetas pro mia longa silento. Se mi bone memoras, mi iam skribis al vi, ke ĉijare mi verŝajne ne havas tempon verki por la Jarkolekto de TAKE. Nu, intertempe mi scias pli bone ke ĉijare mi nek havas nek havos tempon. En mia laborejo mi havas kaj havos projektojn, al kiuj mi dediĉu plenan atenton. Do, bedaurinde, restas kaj restos al mi malmulta energio por esperantumado. Mi bedaŭras, ke mi ne povos kunlabori kun vi pri KF kaj JK*."
Post mia mesaĝo al la membroj de KoFo (2012 / 08 / 15), en kiu mi proponis al vi rigardi elsendon pri nove konstruata turo en ShanDung ( Kantono), Fabien donis al mi la adreson de s-ro ShenChengru al kiu mi skribis. Pri la respondo de S-ro Shen Chengru, legu pli poste. Fabien ankaŭ*" ĵus enretigis la cirkulerojn de KF 34 kaj 35".*en la retejon de TAKE.
<u>Noto</u> : Mi dankegas al Fabien pro tiu enretejigo, ĉar se li ne farus, neniu prizorgus pri tio. PG

De Djordje OBRADOVIĈ .

*"Por konigi miajn neesperantistajn kolegojn pri nia laboro en TAKE, jam la kvaran fojon mi aperigis en la slovena faka revuo GRADBENI VESTNIK (Konstruista heroldo)la artikolon el Jarkolekto. Ĉi foje mi preparis mian artikolon DOMOJ EL LOMO (iomete prilaborita artikolo TERA DOMKONSTRUADO) el la lasta Jarkolekto.2011.Fine de la artikolo estas aldonita piednoto "prenita el Jarkolekto 2011 de TAKE (Tutmonda asocio de konstruistoj esperantista"j.* Li aldonis en mesaĝo .

*"Mia artikolo en la slovena estas preskau la sama kiel tiu en la Jarkolekto 2011. Mankas la chapitro 8BANATA TIPA VILAGHO kion postulis recenzento flanke de GRADBENI VESTNIK. Tial forfalis foto pri vilaghoj Nova Crnja kaj Aleksandrovo. Mi ŝanĝis la titolon kaj alĝustigis la tekston konforme al mia interdiskuto kun kolego Werner pri LOMO, kiun mi sendis al vi antaŭ nelonge"*

Jen ekstrakto de lia artikolo en la slovena .

HIŠE IZ ILOVICE Đorđe Obradović, univ. dipl. inž. grad.

CLAY HOUSES ...@...

**11 Opombe**

1. Članek je prevzet iz Zbornika TAKE 2011 (Svetovna Zveza gradbenikov esperantistov).

Rimarko . Estas bone konatigi nian laboron al ne esperantistaj samfakuloj. Dankon Dorde

## 3 Pri la **"Turo de la Perloj"** konstruata en Kantono (Shan Dung):Ĉinio

Post tre interesa elsendo de la german-franca televidkanalo ARTE pri nova turo en Kantono kun novaj rimedoj pri energiŝparado, mi estis sendinta al vi ret-mesaĝon por ebligi al vi eventuale rigardi tiun reportaĵon. Mi ne scias, ĉu kelkaj el vi tion faris. Mi pensis utila havi pli da informoj, kaj tial skribis l S-ro Ŝen Ĉengru, kiu skribis plurajn artikolojn en la pasintaj numeroj de Jarkolekto de TAKE.

Jen mia letero al S-ro Shen Chengru: (2012-08-16)

"*Kara samideano Vian adreson donis al mi membro deTAKE, ĉar mi volis skribi al vi. Skribos mi per la poŝt-oficejo, ĉar mi ne havas vian ret-adreson. Antaŭ kelkaj jaroj, vi verkis artikolon por la Jar-Kolekto 2009 de TAKE. Temis pri turo «ĉiel-skrapa» en via lando Ĉinio.*

*Nu, antaŭ kelkaj tagoj, mi rigardis tre interesan elsendon sur la televid-kanalo «ARTE» (franc-germana) pri nova turo, konstruAta en la ĉina urbo Kantono. Ĝia nomo estos la «Turo de la Rivero de la Perloj», ĉar ĝi situas proksime de tiu rivero.*

*Mi proponas al vi rigardi tiun elsendon ( eĉ se vi ne majstras la francan aŭ la germanan) – la intervjuitaj laboristoj parolas ĉine, kompreneble. Se vi volas, vi povas **verki artikolon** pri ĝi por la venonta Jar-Kolekto de TAKE, kiu estas nun preparata. Se vi ne deziras verki ion, ĉu mi povas peti de vi, ke vi sendu **fotojn** de tiu konstruaĵo kaj eble aliajn teknikajn elementojn ? Estus tre afable al vi ! Mi klopodas, ke nia asocio prikonstruada respegulu ne nur eŭropajn aferojn. Tial, en la venonta numero de Jar-Kolekto 2012, aperos artikolo pri monumento en Astana, la nova ĉef-urbo de Kazaĥio."*

La respondo de S-ro Shen Chengru (1 monaton poste):

*al sinjoro Pierre Grollemund 2012-09-18*

*Pri nova turo, konstruata en la ĉina urbo Kantono.*

*Ricevinte vian leteron, mi tuj skribis al s-ro Lin Yuan,*

*….(adreso)…. por peti lin sendi*

*Fotojn de tiu al vi. Kun salutoj Shen Chengru*

*…(adreso)… Ĉinio*

Konklude : Ĉar tiu s-ro Lin yuan ne kontaktis min, kaj mi ne povis trovi teknikajn detalojn pri tiu nova turo, kies ĉefa interesa aspekto estas la klopodo al energi-ŝparado, ne aperos artikolo pri ĝi en la JarKolekto 2012. Eble, mi trovos tempon por skribi al s-ro Li ( plu per la poŝto) por venonta artikolo, sed mi demandas min, ĉu tiuj ĉinaj samideanoj ne estas iom maljunaj. Kia estas la nuna stato de la esperantista movado en tiu lando kaj ties rapidega ekonomia disvolviĝo, ege influata de la usona anglalingva kapitalismo ? PG

**4 Nova temo** : La ĵus aperinta **"Bildvortaro"**, eldonita de Flandra Esperanto Ligo.(FEL) en 2012. Ĝi kostas 38€. La redaktintoj laboris sur la bazo de la germana vortaro Duden, kiun la KoFo-anoj bone konas !

Vidinte, ke la 2 aŭtoroj nomiĝas **Petro Desmet'** kaj **Jozefo Horvath**, mi skribis mesaĝon al nia membro Sandor Horvath, por demandi ĉu li konas tiun Jozefon Horvath.. Li respondis nee .:

De : Zlatko Hinst   À : Pierre  2012 / 08 / 16

*"Dankon kolego Pierre pro informoj pri nova eldono de Duden vortaro. Respondi al viaj demandoj pri rilato de Sandor Horvath kaj Jozefo Horvath, mi vere ne scias. Ankaŭ pri tio ĉu ekzistas rilatoj inter Ko-Fo-anoj kaj vortaristoj".*

La listo de la kunlaborintaj personoj estas sufiĉe longa (en la lasta paĝo de la Bildvortaro), sed mi precipe legis la finan frazon : "*por la nova eldono ni ricevis multanhelpon de : konstruforumo kun jan Werner, terminara Sekcio de IFEF kun Heinz Hoffmann kaj de la Reta Vortaro*"; Vidu ekzemple ĉe la paĝo 498( temo 271 Konstruejo I) : aperas la terminoj "*pucado*" kaj ""*pucisto*" sub la numero 83.. mi lasas al vi malkovri tiun libron, ege interesan, sed kies germana fonto estas foje okulfrapa.; tial la libro ne ĉiam aspektas tiom internacieca kiom estus dezirinde.

Ĉi-poste mi enŝovas fotokopiaĵojn de klekaj paĝoj – prikonstruaj- de la Bildvortaro.

Por kompari vidu en KoFo N°23)




Temo 271
Paĝoj 145 ĝis 145

(enla DUDEN vortaro:

"Baŭstelle I" )

La fotokopiaĵon de Baŭstelle II (2) mi ne faris, se vi volas, vidu mem en KOFO N°24
Ĝi aperas kiel "Konstruejo II"
Temo 272

La terminarojn aperantajn en Bildvortaro
mi kungluis en la sekvaj paĝoj

## 271 Konstruejo I

**1-49 murkonstruado** [domkonstruado]
1 keletaĝo; subtera etaĝo
2 betona soklo
3 kelfenestro
4 ekstera kelŝtuparo
5 laveja fenestro
6 laveja pordo
7 teretaĝo
8 brika muro
9 fenestra lintelo
10 ekstera embrazuro de fenestro
11 interna embrazuro de fenestro
12 fenestrosojlo
13 ŝtalbetona lintelo
14 supra etaĝo (*ĉi tie:* dua supertera etaĝo)
15 muro el kavaj masonblokoj; kavbloka muro
16 masiva tekto*
17 boka skafaldo
18 masonisto
19 masonhelpisto
20 mortertrogo; morterujo
21 kamentubo
22 kovraĵo de ŝtuparejo
23 skafalda fosto
24 gardrelo
25 ventoŝtrebo
26 longbalko*
27 kverbalko*
28 skafaldoplanko; dila planko
29 planka sekurbreto
30 skafaldonodo kun ĉena aŭ ŝnura ligaĵo
31 konstrueja lifto
32 maŝinisto

**33 betonmiksilo**, *ĉi tie:* liberfala miksilo
34 mikstamburo
35 ŝutkesto
36 volumenaĵo [sablo, ŝtonetoj]
37 ĉarumo
38 akvohoso
39 mortermiksujo; mortermiksa trogo
40 stako de masonblokoj
41 stakigita ŝelaĵligno
42 eskalo; ŝtupetaro
43 sako da cemento
44 konstrueja barilo, breta barilo
45 reklamtabulo
46 demetebla pordego
47 firmoŝildo; firmaŝildo
48 konstrueja barako
49 konstrueja necesejo

**50-57 masonista ilaro**
50 lodo
51 masonista krajono
52 trulo
53 masonista martelo
54 fostomartelo
55 bobela nivelilo
56 glatigilo
57 pucfrotilo*

**58-68 masonligoj; masonaranĝoj**
58 norma briko
59 laŭlonga masonligo

**60 laŭlarĝa masonligo**
61 ŝtupa murfiniĝo

**62 alterna masonligo; alterna masonaranĝo** (63, 64)
63 laŭlonga brikaro
64 longbrika tavolo
65 kverbrika tavolo

**66 kamentuba masonligo**
67 unua tavolo
68 dua tavolo

**69-82 konstrufosaĵo**
69 angula lodmuntaĵo
70 ŝnurkruco
71 lodo
72 fosaĵdeklivo
73 supra bordera dilo
74 suba bordera dilo
75 fundamenta tranĉeo
76 foslaboristo
77 transportbendo
78 elfosita tero
79 dila vojo
80 arboŝirma krado

**81 kavatoro; fosmaŝino**
82 suba ŝovelilo; subŝovelilo

**83-91 pucado***
83 pucisto*
84 mortertrogo; morterujo
85 traĵeta kribrilo; ĵetkribrilo

**86-89 eskala skafaldo**
86 vertikala eskalo
87 skafaldoplanko
88 kruca ventoŝtrebo; andreokruco
89 gardrelo
90 ŝirma vando
91 pulia levilo

## 273 Ĉarpentisto

**1-59 subĉiela ĉarpentejo**
1 bretostako
2 arbotrunkoj
3 segejo
4 tegmentita ĉarpentejo
5 metieja pordego
6 manĉareto
7 ĉevro* (tegmenta trabaro)
8 kronarbeto (por festi la pretiĝon de kruda konstruaĵo)
9 breta garnaĵo
10 segligno (konstruligno)
11 desegna platformo
12 ĉarpentisto
13 ĉarpentista ĉapelo

**14 duhoma trunksegilo, dumana ĉensegilo** (15, 16)
15 ĉengvidilo
16 segoĉeno
17 morteza maŝino
18 segboko; segostablo
19 surstabligita trabo
20 portebla ilarkesto
21 elektra borilo
22 dubeltruo
23 marko por dubeltruo
24 stako de prilaboritaj lignoj
25 fosto
26 girto
27 ŝtrebo
28 domsoklo
29 dommuro
30 fenestra aperturo
31 ekstera embrazuro de fenestro
32 interna rabelo de fenestra embrazuro
33 fenestrobreto; fenestrosojlo
34 murkronaĵo
35 rondligno
36 paŝdiloj
37 levoŝnuro
38 solivo (ĉefsolivo)
39 subsepta trabo
40 apudmura trabo
41 victrabo
42 kurtsolivo
43 intersoliva bretaĵo
44 intersoliva ŝutaĵo el koaksocindro, argilo ks
45 portolato
46 aperturo por ŝtuparo
47 kamentubo

**48 trabfaka vando**
49 murŝpalo
50 sojla trabo
51 fenestra fosto
52 angulfosto
53 ligolato
54 ŝtrebo kun tenonaj-mortezaj juntoj
55 meza girto*
56 parapeta girto*
57 lintela girto*
58 krontrabo
59 plenmasonita fako

**60-82 ĉarpentiloj**
60 vostosegilo; trapeza segilo

**61 stega segilo**
62 segilklingo
63 trusegilo
64 rabotilo
65 ĉarpentista borilo
66 ŝraŭbopremilo; juntopremilo
67 maleo
68 duhoma tirsegilo
69 angulstrekilo
70 larĝhakilo
71 ĉizilo
72 mortezhakilo
73 hakilo

**74 ĉarpentista martelo**
75 najlotirilo
76 faldmezurilo
77 ĉarpentista krajono
78 fera ortilo
79 tirtranĉilo
80 splito
81 alĝustigebla angulilo; angulkopiilo
82 gera angulilo

**83-96 konstrulignoj**

**83 trunko** (84-86)
84 kernoligno
85 alburno; sukligno
86 arboŝelo
87 plentrunka ligno

**88 duontrunka ligno**
89 trunkorondaĵo
90 kvarontrunka ligno

**91 breto**
92 segfronta ligno
93 kernobreto
94 nerandumita breto
95 randumita breto
96 randbreto

Jen la paĝo pri tegmento-formoj, ĉarpentoj ks **Temo 274 de la Bildvortaro** (Komparu kun KoFo N°26 k 27)

## Tegmento kaj lignoligoj 27



# 274 Tegmento kaj lignoligoj

**1-26 formoj kaj partoj de tegmentoj**

**1 duklina tegmento**
2 firsto
3 gabla tegmenta kantilevro
4 gutrando
5 gablo; pinjono
6 lukarno* kun pupitra tegmento

**7 unuklina tegmento**
8 tegmentofenestro
9 fajroŝirma supermuro

**10 gropa tegmento** (11-15)
11 gropo
12 tegmenteĝo
13 groptegmenta lukarno*
14 firstoturo
15 tegmenta valo
16 duongropa tegmento
17 duongropo
18 mansardo (mansarda tegmento)
19 lukarno* sub mansarda tegmento
20 ŝeda tegmento
21 lukarno* kun oblikva tegmento
22 piramida tegmento
23 bovokula lukarno*
24 konusa tegmento
25 bulbokupolo
26 ventomontrilo

**27-83 lignaj tegmentaj konstruktaĵoj*** (tegmentaj juntoj)

**27 ĉevrona tegmento**
28 ĉevrono
29 binda trabo
30 ventoŝtrebo
31 gutranda klinpeco
32 ekstera muro
33 trabokapo

**34 vertobalka tegmento**
35 vertobalko
36 ĉevrono

**37 duobla vertobalka starbenko**
38 vertobalkoj
39 patno
40 fosto
41 fosta-patna bendo

**42 simpla patna starbenko**
43 firsta patno
44 baza patno
45 ĉevronpiedo

**46 duobla patna starbenko**
47 subtegmenta soklo
48 firsta lato
49 simpla ĉevronstego
50 duobla ĉevronstego
51 meza patno

**52 duobla patna klinbenko**
53 binda trabo
54 solivo
55 ĉevrono de plena truso
56 ĉevrono de malplena truso; (interĉevrono)
57 fosta-patna bendo
58 ŝtrebo
59 duobla ĉevronstego

**60 groptegmento kun simpla patnobenko**
61 stucita ĉevrono
62 gropeĝa ĉevrono
63 gropa stucita ĉevrono
64 vala ĉevrono

**65 duobla pendvorko**
66 binda trabo de pendvorko
67 subapoga trabo
68 pendofosto
69 ŝtrebo
70 disapogilo
71 vicbalko*

**72 trusa bindoro**
73 suba membro
74 supra membro
75 breta almo
76 patno
77 ekstera porta muro

**78 truso**
79 suba membro
80 supra membro
81 fosto
82 ŝtrebo
83 porta surfaco

**84-99 lignoligoj**
84 simpla tenonumo
85 forka tenonumo
86 rekta platumo
87 rekta hokplatumo
88 oblikva hokplatumo
89 hirundvosta transplatumo
90 simpla mergumo
91 duobla mergumo
92 ligna najlo
93 ligna kejlo
94 forĝita najlo
95 dratnajlo
96 malmolligna kojno
97 krampo
98 bolto, ŝraŭbo kun ŝraŭbingo
99 noda lameno

Persona rimarko de mi (Pierre G) : ege interesa dokumento. Tamen, mi bedaŭras ke la Bildvortaro, pro ties fonto ( la vortaro DUDEN) respegulas foje nur german-aspektajn teknikojn. Mi dubas ĉu negermana ĉarpentisto aŭ tegmentisto ĉino, italo, franco,ktp) rekonos sian fakon ! Bone komprenu min, mi petas : estas multe da diversaj metodoj priĉarpentaj, egale teknikaj. Mi nur volas substreki la ne-internaciecon de tiu bildo.


Tegmento kaj tegmentisto 27
1
2 4 3 11 9 13 15 12 6 26 10 17 7 27 20 14 8 18 23 21 24 19 25 22 16 5 42 35 40 28 43 32 33 29 30 39 34 37 41 31 38
47 50 52 53 55 56
49 51 46 54 57 58 59 60
65 69 68 79 90 95 93 99 101 62 102 61 91 67 94 100 80 63 73 82 92 74 64 71 78 81 70 98 66 72 96 84 97 87 75 86 88 83 76 89 77

## 275 Tegmento kaj tegmentisto

**1 tegola tegmento**
2 duobla ebentegola interkovra tegaĵo
3 firsta tegolo
4 firstobordera tegolo
5 gutranda tegolo
6 ebentegolo
7 aeruma tegolo
8 gropeĝa tegolo
9 gropfirsta tegolo
10 gropo
11 (tegment)valo
12 tegmenta fenestro
13 kamentubo
14 zinklada bordero de kamentubo
15 hoko por eskalo
16 hoko por neĝoretenilo
17 tegola lataro
18 latdistancilo
19 ĉevrono
20 tegmentista martelo
21 lathakilo
22 tegmentista kuvo
23 kuvohoko
24 laboraperturo
25 gablo
26 denta listelo
27 kontraŭventa tabulo
28 tegmenta defluilo
29 pluvotubo
30 gorĝotubo
31 tubingo
32 defluila hoko
33 tegoltruilo
34 skafaldo
35 gardovando

**36 tegmenta kornico**
37 ekstera muro
38 ekstera puco*
39 antaŭmasonaĵo
40 baza patno
41 ĉevronpiedo
42 subgutranda bretaĵo
43 duobla lato
44 izolplatoj

**45-60 tegoloj kaj tegmentaj kovraĵoj**

**45 ebentegola splitkovraĵo**
46 ebentegolo
47 firsta tegolvico
48 splito
49 gutranda tegolvico

**50 krona ebentegola kovraĵo**
51 tegolhoko
52 firstotegolo

**53 S-tegola kovraĵo**
54 S-tegolo
55 mortera ŝtopaĵo

**56 imbrica* kovraĵo** (57, 58)
57 kaliptero*
58 imbrico*
59 plata cementa tegolo
60 foldita cementa tegolo

**61-89 ardeza tegmento**
61 tegmenta bretaĵo
62 bituma kartono
63 tegmenta eskalo
64 eskalkuniga hoko
65 firstohoko
66 tegmentista benko
67 benkoŝnuro
68 maŝo
69 eskalhoko
70 benkodilo
71 ardez-tegmentisto
72 najloposo
73 ardezmartelo
74 ardeznajlo, tegmentista zinkita najlo
75 tegmentista ŝuo kun basta aŭ kanaba plandumo

**76-82 kovrado per ardezo laŭ malnova germana maniero**
76 gutranda ardezvico
77 gutangula ardezplato
78 kovra ardezvico
79 firsta ardezvico
80 gablorandaj platoj
81 platranda linio
82 tegmentvalo
83 ortangula defluilo
84 ardezĉizojo

**85 ardeza plato**
86 ardezdorso
87 ardezkapo
88 ardezbrusto
89 kovrolinio

**90-102 asfaltbenda kaj ondumplata kovraĵoj**

**90 asfaltbenda tegmento**
91 bendo (paralela al gutrando)
92 gutrando
93 firsto
94 junto
95 kartonnajlo, platkapa najlo

**96 ondumtabula tegmento**
97 ondumtabulo
98 firstoplato

**99 interkovro**
100 lignoŝraŭbo
101 pluvŝirma zinka ĉapeto
102 plumba subdisketo

Plian rimarkon de Pierre : la bildo montranta laborantajn tegmentistojn-ardezistojn estas tipe germana aŭ ĉeĥa. Tian munto metodon de skvamformaj ardezo-platoj, fiksitaj per najloj, vi observos nur en centra eùropo, kaj eĉ nun je malvasta skalo. Interesa bildo, sed ne internacieca ! Kompreneble samtipan rimarkoj povus fari iu, se aperus desegno montranta nur la francan ardezo-metodon !

# Planko, plafono, ŝtuparo 2



## 276 Planko, plafono, ŝtuparo

1 kelmuro, betona muro

**2 benda fundamento** (3-5)
3 fundamenta elstaraĵo
4 horizontala hidroizolaĵo
5 ŝirma ŝmiraĵo
6 malfajna puco*
7 brika pavimo
8 sabla subtavolo
9 grundo
10 haltodilo
11 paliseto
12 ŝtonerbazo
13 sterna betono
14 cementa tegaĵo
15 submasonaĵo

**16 kelŝtuparo** (masiva ŝtuparo)
17 blokŝtupo
18 komenca ŝtupo
19 fina ŝtupo
20 ŝtupeĝa ŝirmilo
21 ŝtupara plinto
22 ŝtupara balustrado
23 enireja placeto
24 enirpordo de domo (dompordo)
25 ŝuskrapa krado
26 kahela pavimo
27 mortera sternaĵo
28 masiva planko, ŝtalbetona slabo
29 teretaĝa masonaĵo
30 ŝtupara slabo
31 kojna kruda ŝtupo
32 tretfaco de ŝtupo
33 frontfaco de ŝtupo

**34-41 ŝtupara placeto**
34 placeta balko*

**35 ŝtalbetona ripa tekto***
36 ripo
37 ŝtala armaturo
38 interripa slabo
39 ebeniga betonsternaĵo
40 glata tegaĵo
41 paŝtavolo

**42-54 dubraka ŝtuparo kun interplaceto**
42 komenca ŝtupo
43 unuaŝtupa balustrada fosto
44 libera ŝtuparbalko*
45 almura ŝtuparbalko*
46 ŝtupara bolto
47 ŝtuposupro
48 ŝtupofronto
49 ŝtuparbalka* turnopeco

**50 ŝtupara balustrado**
51 balustro
52 manrela turnopeco
53 manrelo
54 supra balustrada fosto

**55-62 ŝtupara interplaceto**
55 interplaceta balko*
56 garnobreto
57 kovrolato
58 malpeza kovrotabulo
59 plafonpuco*
60 vandopuco*
61 intertekto*
62 breta planko
63 plankoplinto
64 kovrolistelo
65 ŝtupareja fenestro
66 ĉefa placeta balko*
67 porta lato

**68, 69 intertekto***
68 interbalka* plankumo
69 interbalka* ŝutaĵo
70 plafonlataro
71 pucportilo*
72 plafona puco*
73 kruda planko (plankumo)
74 pargeta planko (kun foldalanga interligo)
75 kvarone helica ŝtuparo
76 helica ŝtuparo sen spindelo

**77 helica ŝtuparo kun spindelo**
78 (ŝtupara) spindelo
79 manrelo

**Konkludo** / Mia celo, fotokopiinte paĝojn de la novaperinta Bildvortaro kaj sendinte ilin al vi estas unue prezenti tiun novan vortaron, substreki ĝian valoron (malgraŭ miaj rimarkoj pri ne eviteblaj mankoj). Mi esperas, ke vi deziros ĝin akiri. Eble ĝiaj terminoj estiĝos pli kaj pli –pro la kutimo uzi ilin- veraj referencoj. Mi atendas viajn rimarkojn kaj opiniojn.

Mi aldonos vorton pri TAKE : okazos en la dimanĉo 21a de oktobro ĝia ĜENERALA Kunveno en la sidejo de la entrepreno beton-masonista CLB en Wintzenheim ( apud Colmar / Alzaco / Francio) kies estro estas Michel Basso kun sia frato.
Estos la momento starigi bilancon, ne nur financan, pri la agado de TAKE. Estus bone se vi sendus rimarkojn, opiniojn, proponojn, eĉse vi ne pagis kotizon !

Mi salutas vin sincere. Pierre Grollemund

Saint-Etienne 2012-10-09

PS Ĉu vi memoras kiel nomiĝas tiu konstruo kiu rolas kiel provizora digo dum laboro ĉe la bordo de lago, rivero aŭ kanalo ? En kiu numero de KoFo aperis pria diskuto ?

